2ª jaro - Nº 2 (9) (Publication mensuelle) Februaro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

*Multaj gazetoj « ekzistas »,*
*LA PIRATO « vivas ».*

# TARIFO DE L' ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV^e

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# NOVAĴOJ, ANKORAŬ TUTE VARMAJ, EL ESPERANTUJO

**Ŝtelo.** — Ĉirkaŭ noktmezo S-ro Georges Avril promenis sur la « Bulvardo de l' Projektoj » kun fraŭlino Ide' Prinov-Gazet, kiun li ame karesis, kiam alproksimiĝis nigra individuo, kiu forŝiris la mansaketon de la fraŭlino. La saketo estis... planplena.

Nun ankaŭ Heroldo anoncas novan gazeton, kiu aperos unu fojon ĉiumonate.

**Bedaŭrinda akcidento.** — Al S-ro Andreo Ĉe, el Hago, ĵus okazis malagrablaĵo. Suprenkurante la ŝtuparon, li falis kaj rompis siajn... rilatojn kun Estonujo. La ŝtuparo restis nedifektita. La ĥirurgiistoj ankoraŭ ne scias, ĉu ili povos refliki la rompitajn rilatojn.

**Malprudenta ago.** — S-ino Norma Lull estis urĝe transportata al la urba hospitalo. Malgraŭ energia kontraŭvenena kuracado, ŝi rekonsciiĝis nur tri tagojn poste. La malprudentulino estis konsuminta en unu fojo kvin paĝojn da « Infero ».

**Nedifinebla atenco.** — La meritplena ĉefredaktoro de Heroldo, S-ro Teo Jung, kiu depost dek-kvin jaroj (pli ol 750 numeroj) sindone deĵoras sur sia posteno, fariĝis viktimo de nepravigebla atenco. Dum li dormis senatente, kelkaj fanatikuloj markis lian noblan frunton per la neforviŝebla stampo « L. K.-ano ». Ĉiuj puranimaj homoj certe malaprobos tiun fiagon, kiu estas tiom pli nepardonebla, ke S-ro Jung kutime uzas Esperanton tre korekte.

**Al la publiko.** — S-ro de Jong el Godverdam informas siajn amikojn kaj konatojn, por eviti ĉiujn malfavorajn interpretojn, ke li havas nenion komunan kun S-ro Jung, kiu ĵus fariĝis L. K.-ano.

**Familia tragedio.** — Pro konstanta disputado la vivo ne plu estis tolerebla inter S-ro Baghy (Julio) kaj S-ino Lite Ratur-Amondo. La solena eksedziĝa festo okazis antaŭ unu monato. Sincerajn gratulojn al la feliĉa paro.

**Morto.** — Oni anoncas la morton de « Politika Sociala Revuo », kiu ĉieliris post nur unu numero. Ni kondolence premas la manojn de la kvardek postrestantaj abonintoj.

**Sukcesa operacio.** — La simpatia verdstelulo E. Ferrari, kiu de longaj jaroj suferis kruele pro akuta akuzativito (inflamo de l' akuzativo), estas sukcese operaciita. Post plurhora buĉado, la kuracistoj povis fine detranĉi lian akuzativon, kiu troviĝis — laŭ aserto de specialistoj — en vere hipertrofia stato. Lastminute oni garantias, ke la paciento povos vivi sen tiu, cetere superflua, organo. Tiom pli bone. Por li.

*Laŭ komunikoj de la teleskopa agentejo*
A. B. C. AWFUL.




# Mortigu la beston!

De diversaj flankoj bonintencaj amikoj sendis al ni lastatempe ekzemplerojn de tiel nomata « gazeto », kiu — bedaŭrinde — ne estas ununura en Esperantujo. La sendintoj afable petas, ke ni partoprenu ilian indignon kaj punu la pekulon, kvazaŭ ni estus la oficialaj venĝantoj de l' suferanta Esperantistaro. Agrabla laboro.

*L'Espérantiste Sisteronnais,* ftiza folieto, sensuka, senidea, nomas sin ankaŭ « organo sendependa ». Sendube ĝi estas el ĉiuj Esperantaj gazetoj la plej sendependa, ĉar ĝi estas eĉ tute sendependa de la gramatiko!

En la decembra numero, tiuj arogantaj vandaloj prezentas sub rubriko « Lernu Esperanton — Por progresintoj » unu paĝeton el « Sub la neĝo », laŭ la konata bona traduko de J. Borel. Jen kiel ili kripligis ĝin :

> Malgraŭ tio mi ne ĉesadi miri...
> ...mia avo ne volis vidiĝi sian maltrankvilecon...
> ...sed ebla li ne sukcesis konvinki niajn amikojn...
> ...li ne povis liberiĝi nin sola...

kaj aldone ankoraŭ ses kanibalaj preseraroj!

Sur la sama paĝo estas Dialogo, kiu konsistas el 21 duonlinioj. Rezultato : 7 malkorektaĵoj kaj plue tiu stilperlo : « Kiu neniam ne praktikas, tiu ne nur ne progresas sed *aukaŭ* forgesas ». — El la redakciaj respondoj : « S-ro F. H. Baden, Germanujo. — Pardonu al ni nia eraro senvole ; vian abonon finighos kun la Nro 50. Dankon por vian reabonon. »

Kompatinda S-ro F. H., kiu ricevos ankoraŭ 14 numerojn!

Sed nun senŝerce: Kial, en la jaro 1934, oni permesas tian skandalon? Ĉu oni tolerus similan fuŝaĵon en nacia lingvo? Pesto, sinjoroj (aŭ sinjorinoj), kiam oni ne scias Esperanton, oni ne eldonas gazeton. Ĉu vi perforte deziras bredi generacion de kripluloj? Vi povus tiel utile bonuzi vian aktivecon sur aliaj kampoj! Ekzemple: kulturi terpomojn, fliki ŝtrumpojn, paŝti anserojn, fari truojn en svisajn fromaĝojn aŭ tute simple... kuŝiĝi. Sed je la nomo de l' justa Dio, respektu Esperanton! Ĝi meritas tion!

La dejoranta Pirato.

---

# La vespermanĝo de l' dekdua



Tiel nomiĝas vespermanĝo de l' Esperantistoj, kiun la Pariza Grupo organizas du- aŭ trifoje (dum nekrizaj epokoj eĉ kvarfoje!) dum la jaro, precize la 12-an de... iu monato, por tiel almenaŭ pravigi la nomon. Tio, kompreneble, ne signifas, ke intertempe la Esperantistoj ne vespermanĝas, sed tiun 12-an kelkaj vespermanĝas dufoje.

La lasta vespermanĝo estis okazonta la 12-an de februaro, — kun nekutima pompo, pompo preskaŭ funebra, ĉar estis adiaŭa festeno honore al S-ro Warnier, kiu, post dekjara fidela prezidado ĉe la Grupo, decidis memvole forlasi sian batalpostenon pro personaj kialoj. Al scivolemaj demandintoj nia amata prezidanto, kiu volonte slangas kiel denaskiĝa Parizano, deklaris: « Mi havas *maron*! » — ??? — « ...jes, maron da aliaj priokupoj, en kiu mi preskaŭ dronas. »

Ni scias, ke kelkaj kompetentuloj preparis larmoŝprucigajn adiaŭvortojn por tiu ĉi okazo, elkorajn tostetojn kun tre emociigaj paŭzoj. Sed, precize la 12-an de februaro, eksplodis en Francujo la ĝenerala striko kaj la festeno ne povis okazi.

La sekvantan tagon multaj Esperantistoj amasiĝis kun poŝtukoj pezaj je bedaŭrolarmoj antaŭ la restoracio, kie, en normalaj cirkonstancoj, ili estus satmanĝintaj. Ni aŭdis ankaŭ patrinon, kiu klarigis al siaj larĝbuŝe mirantaj infanetoj: « Ĉi tie paĉjo estus ebriiĝinta. — Mi benas la strikon. »

Sala Fumal.

# KARNAVALO 1934

Dum tri tagoj ĉiujare, — antaŭ ol eniri en la senĝojan fastotempon — la zorgopremita homaro rajtas deskui sian jugon, jes; — rajtas forgesi la ĉiutagan mizeron, liberiĝi de komplikaj impostkalkuloj kaj plenumi la plej stultajn farsojn, perdi momente sian normalan ekvilibron kaj amuziĝi kiel senbridigitaj lernejanoj. Certe. Kaj nia elita legantaro sufiĉe ĝisfunde konas nin por konkludi, ke ni neniam kontraŭstaras, kiam temas pri bolanta petolado. Vere, ni ne estas senlaksaj bigotuloj, nek hepatmalsanaj grumblantoj, nek hipoĥondriaj pruduloj. Sed limo estas limo, kaj tial ni tre nete deklaras, ke ĉi tiun jaron, la karnavalaj ekscesoj transpasis la limon. Ankoraŭ tremantaj pro glacia indigno ni konstatas, ke ĉi tiun fojon la mondo similis al vera frenezulejo.



Ĉu vi scias, kion ili faris en Vieno? — Jen: La popolo, forgesante la plej elementan principon de l' klaskonscio, amasiĝis sur la stratoj kaj placoj por vera amkonkurso. Riĉuloj invitis laboristinojn, eĉ ne salondece vestitajn; kalmanaj droŝkistoj dancis kun baronedzinoj; Heimwehr-anoj disdonis varmajn kolbasetojn en la socialistaj kvartaloj; profesiaj ŝtatrenversistoj aŭdigis sakrilegian kanton:

El sama gent' ni ĉiuj fratoj estas,
Ni en dolor' konkordu kaj en ĝojo,
Car kie Am' kaj Paco kune nestas,
Normale ja funkcias la tramvojo!

Unuvorte: Frenezulejo!



Kaj en Berlino? — Mia plumo hirtiĝas pro honto pri tia skandalo. Eĉ la registaro perdis la prudenton kaj eldonis karnavalgazetojn. « Berliner Ŝtatblag » publikigis sensencan blasfemaĵon, impertinentan arti-

kolon sub la titolo « Ankaŭ judoj estas homoj ! » Kompreneble, la aŭtoro, kiu kuraĝis eĉ subskribi tiun prozon per sia propra nomo, amasigis plej neverŝajnajn argumentojn por pruvi la ĝustecon de sia tezo. — Nokte sendisciplinaj bandoj marŝis al Potsdammer Platz muzikante senvalorajn kantojn de certa Heine, kvazaŭ tiuj « rimrimaĵoj » apartenus al la germana literaturtrezoro.

Unuvorte : Frenezulejo !



Kaj en Parizo ? Ho kara onklino, vuale kaŝu vian vizaĝon ! Ĉi tie oni prave povis dubi pri la saneco de l' homa menso. Vere, nur degenerinta tribo malaltiĝas ĝis tia nivelo. Sed aŭskultu ! Tie oni arestis ĉiujn friponojn, sendistinge de la rango, — ĉu vi aŭdas ? sendistinge de la rango ! — kiuj iel estis implikataj en la Stavisky-skandalo, ĉiujn, kiuj ŝtelis, kiuj trompis, kiuj falsis kaj mensogis, senescepte, senescepte ! Kaj la popolo, ĝoja kaj kontenta, kriis : « Vivu la Respubliko ! Heil al nia registaro ! » La tutan nokton oni dancis sur la Placo de l' Konkordo, kiu tiun nokton vere meritis sian nomon.

Unuvorte : Frenezulejo !



Ne pensu, ke ĉe la Ligo de l' Nacioj oni agis pli hominde. Tute ne ! Anstataŭ diskuti malrapide sed ĝisfunde pri malpaco kaj armigo, kiel decus al seriozaj diplomatoj, aŭtentikaj reprezentantoj de ĉiuj popoloj, infektitaj de pulĉinela febro, likvidis ĉiujn mondproblemojn dum unu sola kunveno, kiu daŭris apenaŭ unu kvaronhoron. Kaj ili definitive decidis :

« La homaro estas familio. Ĉar ni volas pacon, ni ne bezonas armilojn. — Ideala konkordo regos tra la mondo, kiam la homoj reciproke interkompreniĝos. Tial ni adoptas la internacian lingvon Esperanto ! »

Unuvorte : Frenezulejo.

Condorcet.

# Iom da Historio

## Kial " La Pirato " nomiĝas... " La Pirato "

Kiam estis decidita la ekapero de kajeroj por Satiro, Humoro kaj tiel plu, Solsona dissendis al ĉiuj desegnistoj en Esperantujo jenan cirkuleron :

Eminenta Artista Moŝto !

Sendu al mi senpage bildoprojekton kaj taŭgan titolon por ilustri la mondfaman novan revuon, kiun presos : Mi — kaj kiun gvidos : Alia Fuŝulo. Ĉi kune vi trovos la kompostliteraron de l' titolo :



Mi estas preskaŭ certa, ke dank' al via nekomparebla talento vi scios el tiuj ĉi literoj kunmeti originalan nomon kaj ke dank' al via majstra peniko vi povos elkovi vere artan ilustraĵon. La tuta Esperantistaro kun piaj sentoj atendas vian decidon.

Humile via,

K. T. P.

☆☆☆

Nun imagu la strangan mienon de nia presisto, kiam li ricevis tutan kolekton da vere nenormalaj proponoj, inter kiuj ni citas :

TALPA IRO
PLIA RATO
PATRA ILO
LA TIPARO
LATA RIPO
AL PARTIO
TIA PAROL', k. a.

Nur unu, Ludovic Rodo, gajnis la florpoton, kiu reprezentis la premion por la plej bona ideo. Li metis sur la ondojn la faman ŝipon, kiu ĝis hodiaŭ ornamas la titolpaĝon de nia « APARTILO », ne, de nia « PATA LIRO », ne, sed finfine elektu mem sur la proksima paĝo inter aliaj projektoj...

*Teksto kaj bildoj de*

R. LAVAL.

PALA  TRIO

ALPA
TIRO



LA PIA ROT'



LITA PARO

ALTA



PIRO

BILDO CENZURITA

ARTA



LIPO




SCIENCA GAZETO (Nov.-Dec.) — « La fantomo de Brocken (Brocken estas montpinto en Svisujo) estis fine studata de D-ro A. Brack, el Zürich... »

*Laŭ nia scio tiu Brocken estis ĝis antaŭ nelonge montpinto en Germanujo (Harz-montaro). Se intertempe Svisujo ŝtelis ĝin, ĝi tre verŝajne baldaŭ havos komplikaĵojn kun S-ro Hitler.*

NORDA GAZETO (Jan.) — « Logejoj : Luksaj hoteloj, Sved. kr. 10, 20... »

*Certe, hotelo povas esti logejo, — sed dependas kun kiu...*

VEGETARANO (Nov.-Dec.) — « Neniam pli ol kiel nun la idealismo ne montriĝis tiel malforta antaŭ la eksteraj venkendaj malfacilaĵoj. »

*Dank' al Dio Esperanto estas lingvo facila kaj klara.*

LINGVO INTERNACIA (Jan.-Febr.-ktp.) — « Laŭ tre ofte uzata adverbo "Estas pli bona nescio ol duonscio"... »

*Adverbo? — D-ro Anakreon Stamatiadis, la aŭtoro de la koncernata artikolo, estas eminenta gramatikisto. Tial.*

SAMLOKE. — « ... en sia nesana menso ili sin limitas formi laŭ persona gusto kaj koncepto... »

*D-ro Anakreon Stamatiadis estas Akademiano. Sed la formo « limiti sin » tamen ne estas Esperanta.*

L'ESPÉRANTISTE SISTERONNAIS (Dec.) — « Doktoro Ludoviko Lazaro Zamenhof, la aŭtoro de Esperanto, naskiĝinte en Bjelostok, mortis la 14 an de aprilo 1917 en Kopenhago. »

*En Kopenhago? Kial ne en Tokio?*

SAMLOKE. — « Oomoto Internacia, kies esperantlingvon estas modelo... »

*Sed la « esperantlingvon » de L'Espérantiste Sisteronnais ne estas modelo.*

LA REGNO DE LA HOMO (Jan.) — « Dank' al ĝin (?), malgraŭ landlimaj bareloj, la esperantistoj devas kaj povas aranĝi ligilojn inter la popoloj... »

*Malgraŭ landlimaj bareloj? Sed nenio pli forte altiras kaj amikigas la homojn ol bareloj, kondiĉe, ke tiuj ĉi ne estu malplenaj!*

# KLARIGO

En nia decembra numero ni menciis sub la sama rubriko :

INFORMOJ DE ESP.-ASOCIO DE ESTONIO (Nov.) — Inter la « Ricevitaj gazetoj » oni trovas i. a. « Koit Nr. 13, 14... »

Oni ĵus bonvolis atentigi nin, ke tio estas la nomo de eston-lingva gazeto. En Estonujo « Koit » signifas « matenruĝo ». Ĉu niaj kompetentaj samideanoj ne pensas, ke tiu « estona matenruĝo » estas pli eleganta, delikata kaj poezia ol nia kruda neologismo ?

# Trafa Elekto

En sia kunsido de 23-10-33 la estraro de la Franca Societo Popoe unuvoĉe aprobis la japanan proteston kontraŭ neologismoj.

Tute logike kaj plej konsekvence ĝi tuj en la sama kunsido unukromunuvoĉe elektis ĝuste la francan ĉef-neologismulon, kiel prezidanton de la Franca Esperanto-Instituto. Li nun direktas la komisionon de Ekzamenoj kaj al li oni devas sendi ĉiajn ekzamenaĵojn.

De nia plej fidinda korespondanto en la nordaj nebuloj ni sciiĝis, ke jam ricevis unuaklasan *Ateston pri Superkapableco* iu elturniĝema kandidato, kiu en ekzamena traduko artifike imitis la progreseman stilon de la prezidanto kaj de la neologisma skolestro.

Malavara trinkmono ĝustatempe ŝovita en la manon de la deĵoranta pedelo feliĉe havigis al ni kopion de tiu memorinda teksto, kiu certe helpos al « pliriĉigo de nia vortaro » kaj al « plua evoluigo de nia literaturo ».

*La latenta orgojlo de tiu infanto eksplikas la senprecedencan ŝtormon, kiu eventis k kelke ŝokis vin. Ne negu, sed softe agnosku, ke la kelke drasta, kvankam tute kurta restrikto, kiu al ĝia stomako donis violentan famon, impetigis ĝin lante devori en obskura, frida kamero sian oldan tanton, la soron de ĝia matro! Tio estis turpa procezo de la streta mentalo, deper kiu vi aŭdacis konstitui novan inicon al la ideo pri patrio, sed kiu nur povas aperti drivigan vojon al fuĝo k incendio.*

Al la nova diplomulo, piratan kaj maljapanan gratulon !

JORIK.

*NIAJ ENKETOJ*

# Ĉe la Verdaj Kavaliroj

Kiam ni legis en iu januara numero de Heroldo la bonegan artikolon de Teo Jung pri la kreota armeo de l' Verdaj Kavaliroj, ni tuj entuziasme aplaŭdfrapis per ĉiuj dentoj.

Teo Jung proponas, ke oni dungu milit-ministron. Kaj ni citas: « Tiu milit-ministro devus krei al si batalkapablan, ĉiel fidindan armeon, eliton da plej fervoraj kaj celkonsciaj batalantoj : la armeon de l' Verdaj Kavaliroj. — Kio do estu la tasko de l' Verdaj Kavaliroj ? Ili devus sin devigi al libervola « soldatservado » en la intereso de nia movado. Tio estas : ili devus ĉiam stari pretaj por tuj ekagi, kiam la milit-ministro, la generalo-marŝalo de Esperantujo, ilian agon bezonus. Ili akceptus ordonojn kaj tiujn plenumus. »



... Ankaŭ mi aplaŭdis kaj pensis melankolie: Jen unu plia projekto, kiu vivos nur sur la papero. Sed... mi eraris. Estas fakto, ke intertempe la grandioza plano efektiviĝis. Propravole, memofere kunvenis pacaj batalantoj, kiuj plej heroe forlasis siajn familiojn kaj ĉiujn tiurilatajn zorgojn, kiuj forgesis siajn profesiajn okupojn por sin dediĉi, korpon kaj animon, al la sankta afero. Kaj ankoraŭ pli granda estis mia entuziasmo, kiam mi konstatis, ke temas ne pri kazerno sed pri... monaĥejo. Tio, sendube, pli bone konvenas al nia paca movado ol soldateca organizaĵo.

La nova ordeno nomiĝas (mi ne komprenas kial) « Kongregacio de l' *Teo*filoj *jung*itaj al la ĉaro de Esperanto ».

Kiam, frapinte ĉe la pordo, mi humile petis enirpermeson, la patro-pordisto demandis antaŭ ol malfermi :

« Fremdulo, kion vi deziras ?

— Viziti la monaĥejon de l' jungitaj teofiloj.

— Ĉu vi kredas je la supereco de Esperanto ?

— Mi kredas.

— Frato, estu bonvenanto !
Demetinte viajn ŝuojn
Pie falu sur genuojn,
Por ke vivu Esperanto ! »

Kaj tiel mi eniris. Same kiel la patro-pordisto, ankaŭ mi riverence kliniĝis antaŭ giganta libro, sur kies porkleda kovrilo mi deĉifris la orumitajn literojn « FUNDAMENTO ». Por pruvi mian bonintencon mi volis respekte kisi la libron, sed la patro-pordisto, ektimigite pro mia gesto, tiel forte forboksis min, ke mi falis mem sur mian propran fundamenton.

« Malfeliĉulo! » li siblis, « kion vi celis fari? — Ĉu vi ne scias, ke la Fundamento estas netuŝebla? » — Li estis prava. Kaj li kondukis min al la abato-marŝalo. Ĉi tiu, tre afabla homo, nomiĝas patro Kreuz, kaj rajte meritas tian altan postenon, ĉar pli ol kiu ajn li posedas monaĥan ventreton.

« Vi deziras detalojn pri nia kongregacio, ĉu ne? Do, pasigu unu tagon kun ni. » Mi danke akceptis, tiom pli, ke estis precize tagmezo kaj ĉiuj sin direktis al la manĝejo. Kion diri pri la menuo? Ĝi estis iom tro asketa. Nur radikoj kaj radikoj, ĉiuj « ĝisoste » fundamentaj. Nur dum grandaj festotagoj oni aldonas neologisman saŭcon. — Kaj por pruvi sian senkondiĉan oferemon ĉiuj senproteste aŭskultis la laŭtlegadon el la rubriko « Esperanto vivas » de Heroldo. Kiel deserton ili havis, tiun tagon, unu kvaronĉapitron el la Verda Biblio de l' apostolo Lejzerowicz.

Sed ĝin ili ne ĝuis ĝisfine. Subite, en la korto, ekbruis sonorilegoj. Forĵetante siajn buŝtukojn, renversante glasojn, telerojn kaj tablojn, la monaĥoj forkuris. Kio estas? Kio okazis? Feliĉe la marŝalo-abato estis malpli rapidmova ol la aliaj, li eĉ bonvolis postresti kun mi kaj li klarigis : « Tio estas radio-alarmo. Ĵus ni eksciis, ke la radio-stacio en Brno dissendis Esperantan duonhoron. Niaj monaĥoj tuj iris por skribi poŝtkartojn. Morgaŭ la stacio ricevos kvincent gratulatestojn. Ĉu tio ne efikos? »



Kvaronhoron poste, refoje tintis la alarmsignaloj. — Alvenis informo, ke la firmo « Kodak » ĵus eldonis katalogon en Esperanto. Tuj kvincent monaĥoj ekverkis por peti alsendon de la katalogo. Ankaŭ tio efikos.



Duonhoron poste, ĉiuj monaĥoj kolektiĝis en la korto. La abato komunikis telegramon : « S-ro Bruno Holzer faros morgaŭ propagandan paroladon en Cinobra. Oni bezonas ducent aplaŭdantojn. » — Sed neniu moviĝis. Tiam la abato-marŝalo diris : « Hontu! Jungitaj teofiloj devas akcepti ĉiujn oferojn, eĉ la malagrablajn. » Kaj li elektis mem ducent volontulojn. Vidante la formaton de iliaj manoj, mi komprenis, ke la abato elektis verajn aplaŭd-specialistojn.



La saman vesperon kvin aliaj monaĥoj estis forlasontaj la Hejmon por migri kiel misiistoj tra ne-Esperantaj landoj. La adiaŭa sceno estis tiel kortuŝa, ke mi miris. Kaj la abato bonvolis larmvoĉe klarigi al mi : « Ĉi tiuj neniam revenos. — Ili iras por praktiki la danĝeran Ĉe-metodon, kies ĉefa sukces-faktoro, kiel vi sendube scias, estas la seksa pilo *) de l' instruanto. Ĉi tiuj neniam plu liberiĝos el la retoj de siaj lernantinoj. »

---

*) Angle : sex appeal. — Ŝajnis al ni nenecese enkonduki novan vorton.



Kiam noktiĝis, la bravaj monaĥoj organizis tra la parko la simbolan triumfiron. La plej kuraĝaj el ili, jungitaj al la ĉaro de Esperanto, tiris ĝin, pene kaj ŝvite, sur krutan altaĵon, dum la aliaj marŝis ambaŭflanke de la ĉaro portante grandajn latojn, je kies unu fino balanciĝis lampionoj. Tiuj latportantoj multe bruis, sed ne faris utilan laboron. La marŝalo-abato bonvolis klarigi al mi : « Tiuj ĉi estas la ĉar-latanoj. »

Ili estis tiel multnombraj, ke mi ne sukcesis kalkuli ilin.

JULES LARIBOIS.

# Por ke finiĝu la konfuzo

Dum februaro aperis du novaj gazetoj, kiel ĉiuj aliaj, ankaŭ ili nepre necesaj kaj senpacience atenditaj : « Heroldo Monata » kaj « Nia gazeto ». Unu el ili estas « sensacio en Esperantujo » dum la alia reprezentas la efektiviĝon de niaj revoj. Bone. Sed plue, ĉiu el ambaŭ grupigas ĉirkaŭ si la plej eminentajn kunlaborantojn, ĉiu el ambaŭ estas la plej bone redaktata, la plej interesa, la plej vigla, kaj — kompreneble — la plej sendependa. Ĝis ĉi tie ĉio estas en plej bona ordo kaj plej konforma al la plej klasika reklamstilo. Sed, kiam ĉiu el ambaŭ asertas, ke ĝi estas la « plej malkara ekzistanta gazeto » (ili prave ignoras la neekzistantajn !), la normala Esperantisto havas la impreson, ke ĉi tie estas io ne tute klara. La plej malkara ? Sed laŭ kiu vidpunkto ?

Por ke finiĝu la ĥaosa situacio, unu el niaj plej sindonaj legantoj, diplomita inĝeniero, entreprenis la kalkulon, supozante plej prave, ke la komuna bazo povas esti nur la pezo. Kaj li alvenis al la sekvanta konkludo, kiun ni volonte publikigas por trankviligi la Esperantistan mondon.

**Kompara Tabelo**

| | |
|---|---|
| 500 gramoj da « Heroldo Monata » kostas . . | 13,97 fr. |
| 500 gramoj da « Nia Gazeto » kostas. . . . . | 16,83 fr. |

Por faciligi al niaj legantoj ĝustan takson kaj komparadon ni mencias ĉi sube la oficialajn prezojn de aliaj varoj :

| | |
|---|---|
| 500 gramoj da karotoj (ruĝaj aŭ blankaj) . . | 1,90 fr. |
| 500 gramoj da fazeoloj (senfadenaj) . . . . . | 3,50 fr. |
| 500 gramoj da fazeoloj (kun fadenoj) . . . . | 4,20 fr. |
| 500 gramoj da napoj . . . . . . . . . . . . | 1,50 fr. |

(Tiuj ĉi prezoj estas ĉerpitaj el la « Oficiala Kurz-Folio de l' Pariza Legom-Borso ».)

Ni pensas, ke nun ĉiu komprenis.

ALE BEN TARIP.




## AKCENTU KOREKTE!

Gravege estas, ke en Esperanto oni metu la akcenton sur la antaŭlastan silabon kaj diru, ekzemple, «bonége» kaj ne «bónege». — Dum la Oksforda kongreso oni demandis kongresanojn, ĉu ili bonege dormis; sed pro tio, ke la demandanto akcentis «bónege», la demanditoj komprenis: «Ĉu vi bone ge-dormis», kaj opiniis tiun demandon iom tro intima.

ARKOS.

---

## LA ĜUSTA BENPREĜO

« Jen Thais, la putino... »
(*Infero*, 18-a kanto, 133.)

Post kelkjara kaj peka vivado en la proksima grandurbo la delogita junulino revenis al la hejma vilaĝo kun sia infano. Kiam ŝi renkontis la pastron, pro honto ŝi ekploris kaj petis: « Sinjoro pastro, bonvolu beni min! »

Ĉiam pardonema, la pastro konsentis, malfermis sian dikan libron kaj serĉis konvenan bentekston. Sed li ne trovis, kion li serĉis kaj estis tre embarasata. Jen ja estis alvokoj plej diversaj, por beni preĝejon, tombejon, domon kaj kampon, eĉ stalon, ktp., sed por beni pekulinon lia liturgio nenion antaŭvidis. Lia embaraso kreskis pli kaj pli ĝis fine, trovinte la bezonatan tekston, kun kontenta rideto li ekpreĝis:

« Ho, Di-Sinjoro, bonvolu beni tiun ĉi puton, kiun hodiaŭ... »

Tiam la junulino interrompis: « Sed, permesu, mi ja ne estas puto! »

« Eble ne puto », la pastro trankvile respondis, « sed certe ties ino! »

IGB.

---

## ENIGMO

Dediĉita al D-ro L. Dreher,
Aŭtoro de « Amuzaro ».

Kion perdas la virgino dum la geedziĝa nokto? —
Malmulte. Nur la literon « g »! — Ŝi fariĝas virino.

## BUŜTUKOJ

*Ni publikigas ĉi tiun anekdoton por montri, kiajn tekstojn oni ne sendu al ni. Efektive, tiaj rakontoj ne konvenas al la altnivela moraleco de niaj kajeroj.*

Eminenta samideano rakontis dum tagmanĝo al sia tablorondo : « Lastjare mi partoprenis Esperantan bankedon en unu el la plej bonaj hoteloj de Varsovio. Ĉio estis bonega, sed la gastoj rimarkis, ke la paperaj buŝtukoj havis strange malgrandan formon. Ĉi tiuj suspektige similis al aliaj paperoj, kiujn oni ankaŭ uzas por viŝi. »

La najbarino de la eminentulo interesiĝis : « Diru, sinjoro profesoro, ĉu la paperoj estis almenaŭ blankaj ? »

« Tion, sinjorino, mi ne precize memoras », informis ŝin la sinjoro, « sed mi povas al vi garantii, ke ili estis ankoraŭ neuzitaj. »

HUĈJO.

---

# Ankaŭ bona propagando !

Ni jam informis nian elitan legantaron, ke lastan jaron oni inaŭguris en Issy-les-Moulineaux, apud Parizo, Zamenhof-straton. Tiuepoke la Pariza granda gazetaro neniel atentis tiun fakton. Sed antaŭ dek-kvin tagoj preskaŭ ĉiuj folioj menciis la straton Zamenhof en Issy-les-Moulineaux, je granda ĝojo de nia Esperantista koro. Kio do okazis ? Jen :

Lertaj ŝtelistoj sukcesis enrampi dumnokte en la domon de loĝanto de tiu strato kaj ili forportis proksimume kvindek mil frankojn. — Tion la grandaj ĵurnaloj raportis.

Ha, karuloj, kiam do okazos fine interesa murdafero en iu strato Esperanto ? Imagu la bonan propagandon, kiam la gazetvendistoj diskrios :

« Lasta eldono ! Ĉiuj detaloj pri la sanga krimo de la strato Esperanto ! »

Ĉu inter nia elita legantaro troviĝos almenaŭ unu kuraĝulo, kiu konsentos — por propaganda celo — kunhelpi en tia murdafero ? Sendube jes ! Tiom pli, ke lia rolo estos nur pasiva : Li estos la viktimo, — ĉar por la rolo de l' banditoj, ni jam trovis la necesajn elementojn en nia propra medio.

S. F.

---

*Lavangoj en Italujo, lavangoj en Korsiko, lavangoj en Svisujo : Morto kaj detruo.*
*Kiom pli agrablaj estas la vangoj de Manjo !*

☆☆☆

*LA PIRATO aperas ĉiun monaton tre regule antaŭ la sekvanta monato.*




**Fine!** — Nia bona amiko E. Aisberg, kiu eminente okupiĝas pri radio de jam pli ol dek jaroj, publikigas libron ĉe Literatura Mondo. Titolo : " Nun mi jam komprenas radion ! " — Sed pri tio neniu dubis.

**Trabo kaj pajlero.** — " Esperanto - Réalisations " citas en sia januara numero tekstojn eldonitajn eksterlande en lingvo " laŭdire franca " (" prospectus édités en soit-disant français "). Tiu " soit-disant " montras, ke ankaŭ en Francujo oni scias kripligi la francan lingvon.

**Nova argumento.** — S-ro E. de Wahl, la aŭtoro de Occidental, nun altiras la atenton de Germanujo sur sian sistemon. Argumento : Li estas — kvankam loĝanta en Estonujo — purariana germano (E. *von* Wahl), dum la aŭtoro de Esperanto estis judo. Tio evidente pruvas la superecon de Occidental.

**Dilemo.** — Nia bona amiko Archdeacon ĝemadas kiel greka patrino el klasika tragedio. Estas li, kiu varbis S-ron Georges Avril al Esperanto. Kaj ĵus S-ro G. Avril fondis la plej malkaran " Nia Gazeto ", kiu danĝere konkurencas la organon " Franca Esperantisto " de la S. F. P. E., kies prezidanto estas S-ro Archdeacon. Kaj S-ro Avril ĝentile petis, ke oni komuniku al li la adresojn de la membroj de la S. F. P. E. — Kiel amiko, S-ro Archdeacon deziras plenumi tiun peton, — kiel prezidanto, li ne povas. Fataleco !

**Taktiko ?** — S-ro Archdeacon promesis sian kunlaboron al " Nia Gazeto ". Se ni estus la direktoro de " N. G. " ni eksuspektus ion...

**Optimismo.** — Io ŝanĝiĝis en Britujo. Ĉe la festeno de B.E.A. en Londono, la 27-an de jan., S-ro Fred. E. Wadham, la juna ĉefdelegito de U. E. A. por Britujo, portis sian novan " smokingon ", — kio multe imponis — kaj fumis... dikan cigaron ! Kaj ĉiuj plezure konkludis, ke U.E.A. resaniĝis. Kaj oni dancis la tutan nokton.

> Al kelkaj, kiuj rimarkis la preseraron en nia lasta Klaĉejo, ni sciigas, ke ilia bonvola korekto estas misa. Ne, amikoj, ne estas *n* kiu mankis, — sed *a*, kiu devas esti *o*. — Sed silentu !

☆

## *LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

# Letero el Ĉeĥoslovakujo

Ĉu abonpago rajtigas.....?

Antaŭ proksimume sep monatoj mi ricevis la provnumeron de instrua gazeto, kiu maskas tiun kvaliton sub la modesta titolo «La Pirato». La sola afero, kiun ĝi instruis al mi, estas, ke Ĉeĥoslovakujo estas lando aliĝinta al la Konvencio de Stockholm.

Nun mi scias ankaŭ, kial mi ankoraŭ ne estas milionulo; ĉar mi ĝis nun ne eluzis la materiajn avantaĝojn, kiujn la konvencimembreco de mia hejmlando al mi prezentas.

Tio nun aliiĝos. Mi pagis la abonkotizon al La Pirato, kaj per tio mi jam ŝparis 3 fr. dum unu sola jaro. Se mi tiel daŭrigas amasigi la frankojn, tiam mi, eble antaŭ la pacigo de l' Esperantistaro, fariĝos samrangulo de S-ro A. B. en C.

Dume mia amikino Svisinjo devas abonpagi 15 fr., ĉar la malfeliĉa Svislando ne aliĝis al la Konvencio. Jam de longe mi volis fari al ŝi edziĝpromeson, sed mi ne sciis, sur kiuj financaj bazoj mi povos apogi nian komunan mastrumadon. Nun estas pli facile. Tuj mi telegrafos al Svisinjo, kiom da avantaĝoj ŝi havos kiel ĉeĥoslovakino.

Sed pardonu, karaj piratoj, mi tute forgesis, ke mi nur volis demandi: Ĉu la pagitaj 12 fr. rajtigas min sole je regula ricevado de afrankitaj Pirato-kajeroj, aŭ ĉu mi por tiu mono rajtas ankaŭ sendi al vi seriozajn artikolojn, kiujn vi poste sen troaj ŝanĝoj, kaj precipe sen forigo de maldecaj vortoj, publikigos?

Skribu ankaŭ, ĉu tiun rajton oni devas pagi aparte kaj kiom.

Huĉjo.

Respondo: Ni volonte publikigos kion ajn, sed ni preferus la fotografaĵon de Svisinjo. La specialan tarifon ni sendas sampoŝte al vi.



*Le Gérant:* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala
Galleria Vittorio Emanuele N. 92
*Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715)
Unu jaro : Lit. 12,50.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc.
142, High Holborn
*London W. C. 1.*

*Polujo :* Librejo N. Szapiro
Nowolipki 8
*Warszawa.*

*Hispanujo :* S. Alberich-Jofrè
Pérez Galdós, 45
*Barcelona.* Unu jaro : Pesetoj 6,00.

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H.
Wilms-Str. 5
*Berlin S. W. 61.*
Postscheckkonto: Berlin 293 18
Unu jaro : RM 2,10

*Nederlando :* Esperanto Instituto
Postbus 81
*Venlo.* Poŝtĉek-konto: 230 505
Unu jaro : Guld. 1,25



**Restas nur 17 plenaj kolektoj de LA PIRATO.**